# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)




**N-ro 70**
**Bulteno de KAEM**
**Januaro 2011**

---

## Agu kun aliaj tiel, kiel Vi deziras, ke oni agu kun Vi

**Sasaki Teruhiro, prezidanto de KAEM**

Pasis jam duonjaro, post kiam oni elektis min la prezidanto de KAEM. Mi devas konfesi, ke mi ne estas lerta kondukisto por la aŭtomobilo, nomata “KAEM”. Kaj ĝi ankoraŭ ne sufiĉe bone funkcias. Benzino estas limigita. Ĝis nun mia laboro konsistas el disdono de benzino, sendado de mesaĝoj, kaj veturo al diversaj kongresoj. Mi petas al la membroj de KAEM, por ke ĉiu el ili proponu siajn projektojn por disvolvigi la aferon de Azia Esperanto-movado. Kaj kiam okazadas paneo ĉe unu parto de nia aŭtomobilo, ni kune riparu ĝin. Tamen kelkaj el la KAEM-anoj eĉ ne respondas al demandoj, kiel trakti la problemojn, okazantajn ĝuste antaŭ ni. Tial do estas necesa la plibonigota TTT-ejo, kie oni povos ĉiam interŝanĝadi opiniojn kaj subite decidadi vojojn.

En nia Azio kuŝas granda potenco por plua disvastigo de Esperanto-movado. Ĝis nun tie batalis sindonaj esperantistoj por krei riĉan Esperantujon spite al malfacilaj situacioj. En Ĉinio, Japanio kaj Rusio jam delonge estas akumulita la Esperanta kulturo, dank’ al senlaca penado de antaŭuloj, ofte je la kosto de vivo. En Koreio, Israelo kaj Barato aperas elstaraj gvidantoj de nia movado.

Mongolio sukcesigis la 6-an Azian Kongreson. Vjetnamio okazigos la Universalan Kongreson en 2012. Nepalo daŭrigas Himalajan Renkontiĝon. En Kazaĥio, Uzbekio, Azerbajĝano kaj Taĝikio aktive agadas tre kapablaj esperantistoj. En Irano kaj Pakistano organiziĝas kunsidoj kaj landaj kongresoj. Se la aziaj esperantistoj tiele agas, la azia movado plue estos kreskanta spontane per si mem.

Se tiel, kial do tamen okazadas malfacilaĵo en mastrumado de KAEM? Estus por KAEM tre domaĝe pritrakti senkompate problemojn, kiam oni turnas sin al ni por peti helpon. Kompreneble, benzino mankas, sed ni devas antaŭ ĉio elpensi iun ajn rimedon por savi suferintojn, elmontrante saĝojn. Bonvolu helpi reciproke unu al alia. Agu kun aliaj tiel, kiel Vi deziras, ke oni agu kun Vi. Por movi antaŭen la aŭtomobilon, tio estas necesa.

..............................................................................................................

## Aktivuloj, membriĝu al UEA

La suba anonco estis sendita en la lasta numero kun la mencio, ke la limdato estas la 20a de decembro, sed malmultaj reagis. Tiuj, kiuj estas UEA-membroj per tiu servo, nepre tuj petu (plej malfrue, ĝis la fino de februaro). **Se ne, via UEA-membreco estos nuligita.**

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.

1) Viaj nomo, sekso, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.

2) Viaj agadoj por la movado en 2010 kaj planoj en 2011.

2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)

Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Aŭ sendu rete al s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson <u>en Esperanto</u>!!!**

2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

3) Skribu "Projekto C" sur la koverto aŭ sur la mesaĝo.

# IJK 2012 okazos en Japanio

TEJO ĝojas anonci, ke la 68-a Internacia Junulara Kongreso okazos en Naha, la ĉefurbo de la gubernio Okinava en la suda insularo en Japanio. Organizos ĝin Japana Esperanto-Junularo (JEJ).

La Okinava Insularo troviĝas en sudokcidenta parto de Japanio kaj havas mirindan naturon, belegajn historiajn konstruaĵojn kaj speciale bongustan kuirarton. Okinavo proksimas al Tajvano, Ĉinio kaj Vjetnamio, do estas tre facile vojaĝi ankaŭ al la Vjetnama UK en Hanojo.

Tio estos jam la dua fojo, kiam IJK gastos en Japanio. La unua Junulara Kongreso tie okazis en la 1965-a jaro en la urbo Ōcu.

- La japana propono enhavas ĉion, kio estas necesa por organizi IJK-n. La kongresejo estas junulara centro, kiu permesos al ni havi programon kaj loĝadon en la sama loko. Ni antaŭvidas, ke eblos proponi sufiĉe malaltajn kotizojn, kio gravas pro kosto vojaĝi al Japanio. Certe do kaj la kondiĉoj surloke kaj kunlaboro kun la organiza teamo permesas al ni esperi je tre sukcesa IJK. - diras Łukasz Żebrowski, la respondeculo pri kongresoj en la estraro de TEJO.

- Mi opinias ke tio estas bonega eblo por plani parton de via somerumado en Azio, kun la relativa proksimeco de la UK. Mi elkore gratulas JEJ-on, kaj kredas, ke tiu IJK valore kontribuos al la Esperanta movado.- diras Saŝa Kovjazina, estrarano de TEJO.

(El la retejo de TEJO)

Japanflanka respondeculo, s-ro Okabe Akiumi diras: “Provizora temo estas “Esperanta vento - Interkomunikado inter IJK-anoj kaj lokanoj-” En tiu temo estas nia espero, ke Esperanto radikiĝu en Okinava, kie ne ekzistas movado. Okinava estas ne nur historie unika kaj grava, sed ankaŭ estas taŭga, por ke junuloj ĝoje vivu kune unu semajnon. Iuj timis pri nia kandidatiĝo, sed ni opinias grave kandidatiĝi nun, kiam okazos la UK en Vjetnamio”.

Pri pli da informo vidu la retejon de TEJO http://www.tejo.org/

# Sukcesa Komuna Seminario 29 en Hanojo




En 2009, kiam okazis la 28-a KS en Nanking, Ĉinio, vjetnamaj junaj esperantistoj havis financajn kondiĉojn partopreni. Kvankam ili partoprenis la unua fojon, ili kuraĝe kandidatiĝis por gastigi la 29-an KS-on, tial la Seminario okazis la 18an-20an de decembro 2010 en Hanojo, Vjetnamio. Partoprenis junaj esperantistoj el 5 landoj: Ĉinio, Indonezio, Japanio, Koreio kaj Vjetnamio.

**La 18a de decembro:**
**Posttagmeze**

Kvankam estis la "antaŭmalferma" tago, ni havis riĉan programon en la kunvenejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO). S-ro Hoanh Phi prezentis *Yumeiho*-n, senmedikamentan kuracmetodon enirintan Vjetnamion dank' al

japana esperantisto kun slogano “*Yumeiho* por Esperanto; Esperanto por *Yumeiho*”. La prelego inkluzivis praktikan parton.

Sekve estis la ekspresa kurso de la vjetnama lingvo fare de Nep.



**Vespere**

Okazis mirinde vigla interkona vespero. Minh Trang, ĉiam ĝentila, aminda kaj belega, vestita de ruĝa robo, prezentis la programon. Estis prezentitaj komunaj ludoj, moda elmontro de diverskoloraj, originalaj naciaj kostumoj. Notindas, ke la VSK-sekcio (Vjetnamaj SuperKnaboj), nove kreita, rekte dependa de VEA, kontribuis per tradicia popola danco kaj kantoj en la vjetnama kaj en Esperanto. Ĉiuj ĉeestantoj kune kantis, tiel ke ne estis diferenco inter la aktoroj kaj la spektantoj. Oni sentis sin kiel membroj de sama familio.

**La 19a de decembro**

**Matene:** Inaŭguro. S-ino Nguyen Hoang Van, estro de Multflanka Departemento de VUAO, legis salutparolon. S-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, bonvenigis la seminarianojn.

Delegitoj de 5 landoj sin prezentis kaj parolis pri la junulara movado en sia lando.

Kelkaj artistoj-simpatiantoj de VEA bunte vestitaj prezentis popolan kanton en Esperanto kaj 2 popularajn dancojn.

**Posttagmeze:** Diskuto pri la ĉefa temo de la seminario: *“Komunikiloj inter junaj esperantistoj”*

Nguyen Thi Nep malfermis la diskuton, montrante diskutendajn punktojn. La partoprenantoj dividis sin en tri grupojn. La diskutoj

okazis kun reciproke komprena kaj amikeca spirito. Plej rimarkinda opinio estis tiu de s-ro Hori Jasuo, japana veterana esperantisto. Li faris sugestojn al la junuaj esperantistoj pri tio, kiel agadi por la movado. Li emfazis: "Nur ni esperantistoj havas du fortajn armilojn, nome interreton kaj Esperanton, per kiuj ni povas libere komunikiĝi kun alilandanoj. Do ni pripensu, kiel ni uzu tiujn du armilojn. La plej bona estas amo, sekve amikeco kaj trie ĝeneralaj kontaktoj kiel vojaĝo, opiniinterŝanĝo ktp. Do surbaze de tiu KS, partoprenantoj uzu ilin tiucele kaj disvastigu nian aman kaj amikecan reton".

Post la disktuto, s-ro Hori prezentis diversajn muzikilojn aŭ popularajn ludilojn malmultekostajn. Ĝis nun ni pensis, ke tiuj iloj estas luditaj de malriĉaj vjetnamaj kamparanaj knaboj. Tamen dank'al li, ni nun scias, ke tiuj estas popularaj tutmonde kun tre diversaj formoj kaj aspektoj. Tiaj simplaj ordinaraj ludiloj en la manoj de fervora esperantisto fariĝis komuna voĉo de la homaro.

Fuĵimori Koohei el Japanio prezentis 6 unikajn vestojn, kiujn li mem desegnis kaj kudris. Li invitis vjetnamajn amikojn vestiĝi per tiuj vestoj por fari komunan modan prezentadon. Tio vigligis kaj varmigis la etoson de la kunveno.

Dum la vespermanĝo en manĝejo, temo pri amo inter vjetnamino kaj japano multe gajigis la etoson. Kaj poste ni promenadis en la nokta bazaro kaj al la lago de Redonita Glavo. Gajaj babiladoj kaj fotadoj sinsekvis.

**La 20an de decembro**

La partoprenantoj vizitis Bat Trang, metiartan ceramikan vilaĝon, de Hanojo, kie troviĝas bazaro kun diversaj ceramikaj varoj. Ili povis vidi, foti, aĉeti, viziti domojn de la metiistoj, kaj speciale, memdekoracii kaj pentri sur potoj, statuoj, teleroj… laŭ sia gusto en ateliero aranĝita por vizitantoj.

La 29-a KS lasis al la partoprenantoj neforgeseblajn impresojn pri tiom da originalaj aktivadoj en nia varme gastema lando.

Hoang Yen <keanu_magdark@yahoo.com>
Phuong Nguyen <au.ag.phuong@gmail.com>

# Zamenhofa Festo en la Tuta Azio

## Japanio

### Tokio



La 12an de decembro okazis en Tokio "Esperanto-Festo / Zamenhofa Vespero" organizite de lokaj grupoj kunlabore kun Tiba Esperanto-Klubo kaj Japana Esperanto-Junularo (JEJ).

Usui Hiroyuki raportis pri la 32a Renkontiĝo de Esperanto-Familioj lastsomere okazinta en Kroatio, Iwama Kyo parolis pri sia unua sperto en Internacia Junulara Kongreso en Kubo, kaj Saito Yoshinori raportis pri "Global Festa", en kiu Japana Esperanto-Instituto (JEI) unuafoje partoprenis ĉijare.

S-ro Nakamura Daishin kaj s-ino Syozi Keiko prezentis Komunan Kongreson de Japanio kaj Koreio, kiun kunorganizos Korea Esperanto-Asocio kaj JEI oktobre en 2011.

Ni invitis specialan gaston, Ulrich Lins, kiu omaĝe parolis pri bedaŭrata s-ro Kobayasi Tukasa.

S-ro Isino Yosio, direktoro de JEI, prezentis novajn librojn kun bone aranĝita materialo. La novaĵo, ke "IJK 2012" okazos en Japanio, akcelis la viglan atmosferon de la festo. Prezidis s-ro Klivo Lendon kaj s-ino Isino Masayo, kaj ĉeestis 70 homoj.

Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>

## Maebaŝi

La 5an de decembro okazis Zamenhofa Festo en la gubernia domo en Maebaŝi. En la unua parto estis ĝenerala kunsido de Gunma-Esperanto-Societo, en kiu 16 ĉeestantoj sin prezentis kaj ni decidis la agadplanon por 2011 kaj en la dua parto ni bankedis en la najbara restoracio. En ĝi s-ro Nagai Hirojuki prezentis melodian recitadon de Esperanto-poemoj (japane *ŝigin*) kaj fingro-fajfadon, s-ro Hori Jasuo montris fotojn de nekutimaj aĵoj en Francio kaj ĉinajn vortojn havantajn malsaman signifon kiel en Japanio kaj demandis la ĉeestantojn, kio estas tiuj aĵoj kaj kion tiuj vortoj signifas. Fine oni ĝuis Esperanto-bingon.




Tiu ĉi jaro estis memorinda pro du aferoj:

1. La unua Esperanto-ekspozicio okazis inter la 3a kaj la 5a de decembro, en kiu ni montris bildteatraĵojn de Zamenhof kaj japana verkisto-esperantisto Mijazaŭa Kenĵi, pacajn mesaĝojn kolektitajn per Delegito-reto kaj dum la Azia Kongreso kaj la UK, fotaroj de kelkaj UK-oj kaj Himalaja Renkontiĝo kaj aliaj. Ne venis multaj homoj, sed aperis grandaj artikoloj en du ĵurnaloj.
2. Eldoniĝis “Esperanto-movado en Gunma 1906-2010” (B5-formato, 176 paĝoj, ĉefe en la japana lingvo, parte en Esperanto) omaĝe al tiu ĉi Festo. En nia gubernio jam en 1906 agadis 8 esperantistoj, kaj dum la pasintaj 104 jaroj aperis gravaj esperantistoj, ekzemple d-ro Niŝi Seiho, kiu longe estis prezidanto de Japana Esperanto-Instituto, kaj d-ro Jamazoe Saburoo, kiu eldonis du Medicinajn Terminarojn Angla-Esperantan kaj Esperanta-Anglan. HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

## Okajama

La 11an de decembro okazis Zamenhofa Festo en la kuirad-kursejo Misaŭa (s-ro Misaŭa estas kuirad-instruisto kaj esperantisto) en la urbo Okajama. La unua parto estis ĝenerala kunsido de la societo, en kiu oni raportis pri agadoj de la societo en la kuranta jaro, nome 9 lerno-kunsidoj, unu kunveno, bonvenigo de ges-roj Senecal el Francio, prelego de Pal el Barato kaj mondonaco al Haitio.

Zamenhofa festo okazis je la 14:00. Ĉiuj sin prezentis kaj parolis pri sia plano por la venonta jaro, manĝante bongustan kuiraĵon. 18 homoj partoprenis.

Harada Hideki <hideki.harada@nifty.com>

## Tojama

La 5an de decembro okazis Zamenhofa Festo en la malvarma urbo Tojama. Partoprenis 11 homoj. Preskaŭ ĉiuj estis komencantoj, do okazis prelegeto pri la parolado de Zamenhof, kaj poste ĉiuj voĉlegis ĝian parteton. Ni ekzercis nin en kantado de "La Espero" kaj "La Tagiĝo". Estis raportoj pri la agadoj de la societo, Japana Kongreso, Azia Kongreso, UK kaj la venonta komuna kongreso de Japanio kaj Koreio. (Raportis Kikjoo Takaŝi.)

## Ehime

La 12an de decembro okazis Zamenhofa Festo en restoracio de Internacia Hotelo Macujama kun la partopreno de 8 homoj. Ni tagmanĝante raportis, diskutis kaj sin prezentis. En la venonta jaro en la kurso ni pli lernos konversaciadon por bone komuniki kun eksterlandaj amikoj. (Raportis s-ino Niŝitani Terumi.)

## Sendai

La 12an de decembro okazis Zamenhofa Festo en kunsidejo "Birdo-spaco" posedata de s-ino Takada Aja, membro de la societo, en la urbo Ŝiogama. 15 homoj partoprenis.

En la ĝenerala kunsido de la societo oni raportis kaj diskutis pri la agadoj en 2010 kaj agadplanoj en 2011. En la sekvanta

Zamenhofa Festo prelegis s-ro Gotoo Hitoŝi, la prezidanto de la societo, pri “Nekonata esperantisto s-ro YAMAKI Teruo”, okazis deklama konkurso kaj fine bankedeto.

## Nagojo

La 4an de decembro okazis Zamenhofa Festo en restoracio Niŝiki en Riĉ-hotelo kun la partopreno de 13 homoj. En la Festo s-ro Ikai Joŝikazu ludis akordionon kaj okarinon, s-ro Maeda Kaiĉi, s-ro Niŝio Harutaka, s-ino Jamamoto Jukiko kaj s-ino Jamada Ŝimako raportis pri UK kaj aliaj eventoj, s-ro Isobe Ŝoosaku raportis pri la akcepto de Franquesa Sole el Hispanio kaj prezentis nove tradukitan poemon “La Valo de Rivero Jamara” omaĝe al lia patro, kiu batalis en la hispana civila milito, s-ino Kacu Harumi raportis pri Monda Ekspozicio en Ŝanhajo, Jamada Tadaŝi, kiu prezidis la Feston, montris ventroparoladon kaj fine ni ĝuis Esperanto-bingon, interŝanĝante donacojn.

Ikai Joŝikazu <ikai_yosikazu@ra2.so-net.ne.jp>

## Fukui

La 5an de decembro okazis Zamenhofa Festo en Kursejo Moei-ĵuku en la urbo Mijama kun la partopreno de 20 homoj. Post la prelego de Nakaĵima Tecuen, ĉefbonzo de Meicuu-ĵi-templo kun la temo “Vortoj de Budho kaj Esperanto”, oni sin prezentis, tagmanĝis naturajn manĝaĵojn, kantis la kanton “Sonorilo de Nagasaki”, kaj faris ludon kaj paran konversaciadon.

Kitagaŭa Ŝooĵi <nordulo@kore.mitene.or.jp>

## Jokohamo

La 11an de decembro okazis la 40a Zamenhofa Festo en Hongoo-dai kun la partopreno de 51 homoj. Ni aŭskultis raportojn pri eksterlandaj Esperanto-eventoj kaj prelegon de s-ro Lins pri “Vivo de Zamenhof”. Mijazaki Hideko <hiskejp@yahoo.co.jp>

## Osako

La 12an de decembro okazis Zamenhofa Festo komuna kun Osaka-Esperanto-Societo, Sakai-E-Societo kaj Nara-E-Societo kun

30 partoprenantoj. Raportis per fotoj Okabe Akiumi pri la UK, la IJK kaj pliposta vojaĝo en Kubo, kaj prelegis korea junulino JUNA pri tio, kiel ŝi lernas la japanan lingvon kaj Esperanton en Osako. Nanba Syozi prezentis sian japanen tradukitan "La Faraonon" el Esperanto. Tahira Masako aŭkciis kaj la sumo 60 eŭroj iris en la fondaĵon "IJK 2012". Libro servo vendis je 350 eŭroj.

Tahira Masako <tahira-masako@nifty.com>

## Ĝakarto, Indonezio

Ekde sia fondiĝo, la 3an de oktobro 2010, la klubo "Esperiga suno" jam faris kelkajn agadojn. Unu el ili estas la festado de Zamenhof-tago, kiu okazis vespere la 15an de decembro en butika centro en Ĝakarto, kaj ĝin ĉeestis 10 membroj. Abdul Haris, la klubestro, komencis ĝin per laŭtlegado de retmesaĝo de Heidi Goes, en kiu ŝi esprimas sian ĝojon pri la Zamenhof-tago en Ĝakarto kaj kuraĝigas nin plulerni Esperanton. Post tio, s-ino Ilia Sumilfia, la sekretariino, laŭtlegis tekston pri la vivhistorio de Zamenhof, kaj Acy, la vicprezidantino, kaj Fikri, membro de la klubo, deklamis poemojn de Zamenhof.



Ĉiuj ĉeestantaj membroj havis okazon prezenti sin mem en Esperanto. Por la komencantoj, tio estis defio, ĉar plej multaj el ili komencis lerni Esperanton antaŭ nur tri monatoj. Tamen ili estis tre entuziasmaj.

Kiel la lasta programero, ĉiuj gustumis bongustan kukon, kiu havis la Esperantan flagon. Poste ni havis komunan vespermanĝon. Ĉiuj membroj ĝojis kaj memoras tiun momenton kiel gravan tagon por ĉiuj esperantistoj.

Ilia Sumilfia <ilia.dewi@gmail.com>

## Tehrano, Irano

Pro samtempeco kun ŝijaismaj kondolencaj ferioj, ni festis Zamenhof-tagon post unu semajno, vendrede la 24-an de decembro, en Tehrano. Venis nur 12 esperantistoj; afero jam estis antaŭvidebla pro la ferioj. Sed la etoso estis tre varma kun babilado pri Zamenhof, la movado kaj estontaj projektoj. La loko estis, kiel en la lastaj jaroj, la pentrarta ateliero de s-ro Habibpur.

Keyhan Sayadpour (Prezidanto de IREA)
<ksayadpour@gmail.com>

## Nepalo

### Itahari



Ni en Itahari, Orienta Parto de Nepalo, festis la Zamenhofan Semajnon.

1. la 14a de decembro: Infana grupo
2. la 15a de decembro: Ge-instruistoj de Diversaj Mezlernejoj kaj Universitato
3. la 16a de decembro: Mezlerneja grupo
4. la 17a de decembro: Miksa grupo

Ĉiuj grupanoj havis grandan intereson pri Esperanto. Ili multe demandis pri la celo lerni Esperanton. Ili volas lerni la lingvon, ĉar ĝi estas la nova lingvo, kiun unu homo kreis. Ni (mi kaj mia patro s-ro Shree) klarigis pri Esperanto al ili. Nun ni instruas la lingvon.

**Foto: En la unua vico, la dua de maldekstre, Alinka, kaj en la dua vico, la plej maldekstre ŝia patro Shree**

Alinka pokhrel <pokhrel_alinka2006@yahoo.co.in>

### Katmando

Nepala Esperanto-Asocio festis Zamenhof-tagon la 15-an de decembro. Partoprenis 16 membroj. La programo komenciĝis per la

lumigado de kandeloj antaŭ la bildo de nia Majstro. Jene parolis partoprenantoj:

S-ro Philip Pierce: "Mi povas nur miri pri la rezulto de inteligenteco, diligenteco kaj humileco de d-ro Zamenhof".

Gastoj el Francio, ges-roj Jean-Pierre kaj Mathé Fedak: "La valoro de la lingvo montriĝas pli kaj pli granda en la nuna mondo".

S-ro Mukunda Pathik: "Mi estas nun konata kiel s-ro Esperanto, ĉar oni asocias min kun la lingvo, kiu jam delonge estas esenca parto de mia vivo.

S-ino Indu Thapaliya: "Mi respektas d-ron Zamenhof kiel mian propran patron. Antaŭ ol lerni la lingvon, mi ne ŝatis la verdan koloron, sed nun mi tre ŝatas ĝin".

S-ro Razen Manandhar: "La vera respekto al d-ro Zamenhof speguliĝas en la uzado de la lingvo mem".

S-ro Narendra Bhattarai: "D-ro Zamenhof estis influita de la hindua filozofio. La diraĵo "Vasudhaiva kutumbakam" signifas, ke ĉiuj loĝantoj de la mondo estas familianoj, kaj ke ni devas do respekti unu la alian.

Je la fino mi mem diris kelkajn vortojn surbaze de mia 20-jara sperto en la movado. "Esperanto certe helpas al ni trovi amikojn tra la mondo, kaj kelkaj el ni kultivas la lingvon, sed bedaŭrinde plejparte ni ne laboras tiel aktive por la movado kiel ni devus. "Movado" signifas por ni ne nur uzi la lingvon bone sed ankaŭ agi fidele pri diversaj aliaj aferoj. Al niaj membroj ofte mankas tia lerteco. Ni ĉiuj devas konfesi tion. Ekzemple, membroj donu iom da tempo por teni la oficejon en bona stato. Ni esperu, ke estontece ni festos Zamenhof-tagon pli konscie pri niaj devoj al ni mem kaj al la socio". Bharat Ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>

## Ĉinio

### Zaozhuang

La studentoj, kiuj studas Esperanton, kunvenis por 151-a datreveno de d-ro Zamenhof en Zaozhuang-a Profesia Instituto kaj s-ro Zhao Yaping, instruisto de la kurso, konigis la vivon de d-ro

Zamenhof, pli ol 20 gestudentoj partoprenis en la kunveno. Samtempe 7 gestudentoj de Zaozhuang-a Universitato kunsidis por fondi Internacian Interŝanĝo-Asocion de studentoj en Zaozhuang-a Universitato. <Semio@163.com>



## Kantono

La 18an de decembro oni festis en la sidejo de la "Kantona Esperanto-Asocio" la Zamenhofan Tagon. Je la nomo de la lokaj esperantistoj salutis kaj parolis pri la ĉeftemo de la tago s-ro Liang. Poste aliaj gastoj kiel la hispanaj esperantistoj Rafael Mateos kaj Augusto Casquero, kaj ankaŭ irana samideano Hamzeh prelegetis kaj kuraĝigis la ĉeestantojn daŭre labori por nia kara lingvo Esperanto. Nome de la lernantaro salutis, en bela Esperanto, la juna lernantino Corazón de lernejo en la urbo Foshan, kie ankaŭ oni instruas Esperanton al multaj gelernantoj kaj lokaj homoj far Rafael. Ĉeestis ankaŭ maroka samideanino Lakbira Roschid. Do, la etoso estis vere internacia.

Post la paroladoj oni disdonis la diplomojn de Esperanto kaj de hispana lingvo al la gelernantoj. Kaj, kompreneble, poste okazis

komuna fotado kaj frata kunmanĝado (abunda).

Augusto Casquero <augustocasquero@gmail.com>

## Zhanjiang

Antaŭtagmeze de la 18-a de decembro 2010 en Zhanjiang-urbo de Guangdong-provinco, Ĉinio, inaŭguriĝis la aktivado por omaĝi 151-an naskiĝdatrevenon de Zamenhof kaj popularigi sciojn pri Esperanto al la publiko.

La malferman ceremonion prezidis GEA-prezidanto Ye Peixue, kiu deklaris la kunvenan temon: Esperanto kaj paco, interŝanĝo, amikeco, disvolviĝo kaj harmonio. En la diskutado multaj interkonsentis, ke la tema esenco tute akordiĝas kun la nuna internacia situacio: la mondo tendencas al multpolarizo. Oni ĝenerale konstatis, ke paco estas garantio de harmonio, reciproka kompreno estas antaŭkondiĉo de harmonio. Ĝuste tial Esperanto estas utila kaj taŭga ilo por solvi la konfliktojn en la mondo kaj por hom-kunvivi en diverseco. Krome oni parolis multe pri Esperanto kaj pri Zamenhof, kia li estas en nia koro.

Ĉeestis la kunvenon sume 86 personoj el 13 urboj, inter kiuj 3 venis aparte el Honkongo, Germanio kaj Japanio.

Aliaj sukcesoj estas Interkona Vespero kaj tuttaga ekskurso. Al la Vespero venis ne malmultaj neesperantistoj por ĝui la varman etoson de nia E-familia rondo.

Kun grandaj sukcesoj la tritaga aktivado finiĝis, kun multaj kontentoj oni adiaŭis kaj kun fortaj deziroj atendas rerenkontiĝon.

Zhu Mingyi <zhumingyi01@yahoo.com.cn>

## Harbino

La 17-an de decembro 2010, Heilongjiang-a Esperanta Asocio kaj Harbina Yutong-a Instituto pri Disvastigo de Esperanto gvidis Interkonatiĝan Vesperon (Amuzan Vesperon) en Harbino por celebri la 151-jaran naskiĝtagon de d-ro Zamenhof kaj samtempe bonvenigi Novan Jaron 2011 kaj fini la Esperantan Kurson (A, B-kursoj) pri studentoj el Heilongjiang-a Scienc-Teknika Instituto.

30 studentoj ĉeestis ĝin, kaj prof. Song Ping (Paco) el Heilongjiang-a Esperanta-Asocio gvidis la Renkontiĝan Vesperon, ĉiuj ĉeestantoj prezentis sin per Esperanto, poste kelkaj studentoj legis gratulajn leterojn el s-ro Shi ChengTai, prezidanto de Heilongjiang-a Esperanta Asocio kaj el aliaj lokoj. S-ino Song Ping donis premiojn al studentoj (Parola Esperanta Konkurso): ili estas Yue CaiHong, Zhang Xue, Yang Yang, Huai HaoYang. Ili prezentis parolan Esperanton, kaj ĉiuj tre miras, ke ili povas paroli Esperanton flue, sonore kaj klare, kvankam ili lernis ĝin nur antaŭ unu monato kaj Esperantaj instruistoj konsistas el studentoj kiel Hao Huan (Gaja), Song GuoHua, WupeiGe, Wang XiaoLei ktp.

Sekve, fraŭlo Ji WenXiang kaj f-ino Han LiTing aranĝis Amuzan Vesperon, kies programeroj estis: Esperanta trupo el ĥoro de Heilongjiang-a Scienc-Teknika Instituto (kvar kantoj, La Espero, Jasmen-Floro, Vi kaj Mi, Paca Nokto), solaj kantoj kaj tiel plu, fine, studentoj dancis kune, trinkis teon, manĝis bombonon kaj frukton, fotis por memori la belan tempon. Kiu lasis nin renkontiĝi kaj amikiĝi, tiu ja estis Esperanto. Esperanto kondukas nin iri al la mondo. Ni kredas, ke dank' al ĉi tiu renkontiĝo ni havas profundan amikecon. Ni atendu la alvenon de la sekvanta renkontiĝo en Esperanto! Prof. Song Ping (Paco) <songheshu @126.com>

## Wuhan

La 11an de decembro estis okazigita solena celebr-aktivado pri Zamenhofa festo en kunven-halo de la Hubei-Federacio pri Soci-Scienco. Kaj samtempe, glate estis elektata nova direkcio de membroj de HEA. Interalie, sume estis 32 direktoroj, 11 konstantaj direktoroj de nova HEA. Kaj la prezidanto estas s-ro Peng Zhengming. Tiutage posttagmeze, ankaŭ esperantista maljunula grupo pri kanto kaj danco de HEA estis prezentata per brila programo.

Hubei-Esperanto-Asocio aperis en la 1a majo 1979 kiel la unua loka Esperanto-asocio post la liberigo de Ĉinio.

Ding Ji <dingjiws@126.com>

## Pekino

La 26-an de decembro 2010 pli ol 30 pekinaj esperantistoj memorfestis la 151-an naskiĝtagon de d-ro Zamenhof. Veterana esperantisto Laŭlum (Li Ŝijun) rakontis la alian aspekton de Zamenhof : bonfaremecon kiel kuracisto. Ivanka, bulgara ekspertino en la redakcio de "El Popola Ĉinio", prezentis sian landon kaj parolis pri sia sperto en la intervjuo en la provincoj Hunan kaj Jiangxi. La respondeculoj de la Pekina Esperanto-Asocio raportis pri la laboro de PEA 2010 kaj la planon por la venonta jaro. La Sekcio de Esperanto de la Ĉina Radio Internacia sendis ĵurnalistojn partopreni en la festoon.

Diero (Zheng Bocheng) <bochengzheng@yahoo.com.cn>

## Pingtung (Tajvano)




Zamenhof-feston 2010 okazigis la Pingtung-a Esperanto-grupo sabate, la 18-an de decembro en la kunvena ĉambro de kongreshalo de Pingtung-a gubernio. Ĉirkaŭ 45 esperantistoj kaj ne-esperantistoj venis al la festo.

Je la dua Kevin Shi malfermis la feston, kaj prezentis la honorajn gastojn: Grego Kay el Usono, kiu antaŭe eldonis

“Formoza Folio”, David el Usono, kiu instruas pri lingvistiko ĉe la universitato en Shinzu, Sean el Sudafriko, kiu instruas la anglan lingvon private en Tajpeo, profesoro Wang Ju-kwei, emerita profesoro, kiu dum jaroj daŭre tradukas ĉinajn gravajn literaturojn al Esperanto, prof. You Manlai, kiu zorgas dum multaj jaroj la paĝaron de *Lernu* en la ĉina parto, prof. Cho (Abengo), kiu i.a. daŭre ampleksigas la Esperanto-ĉinan vortaron sur la reto.

Poste nia juna surda gastino fraŭlino Zheng Ya-wen donis prelegon pri tajvana signolingvo per signolingvo, kaj esperantista membro Saburo Lai faris la tradukon. Ĉiuj ellernis dek bazajn vortojn kaj frazojn por komunikado kun surduloj.

Post la paŭzo 10-jara knabino Omura Yuki kantis la tajvanan kanzonon de Changhui. Manlajo prezentis sian urbon Douliu kaj la gubernion de sia urbo Yunlin. Sean parolis pri sia hejmurbo Kaba Urbo (Cape Town). Grego el Arizono parolis pri Arizono. Juna sport-instruistino Ye Li-jun gvidis nin fari aerobiksan dancon.

Resume la festo okazis glate, la nombro de partoprenantoj ne estis tiom granda (45), sed la festo estis tre internacia (el 8 nacioj de la 5 kontinentoj) kaj bunta. Vivas la Esperanto-movado en Pingtung. Vivas la Esperanto-movado en Tajvano. Vivas la homaraneco en la Esperantujo!

Cho Chaoming (Abengo) <cmcho@so-net.net.tw>

## Vjetnamio

### Hanojo

“Kiam en 1905, el la podio de la unua UK en Boulogne-sur-mer, Zamenhof prononcis sian paroladon, li ne povas imagi, ke 107 jarojn poste, UK okazos en tiu fora, nekonata lando, Vjetnamio. Renato Corsetti, la eks-prezidanto de UEA, prave diris, ke la 21a jarcento estos la jarcento de Esperanto en Azio.” Tiel parolis Nguyen Van Loi, prezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio malfermante la Zamenhof-Tagon de 2010, matene de la 12a de decembro, ĉe la sidejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj, antaŭ eksterordinare vigla, multnombra partoprenantaro. Al la

kunveno alvenis, flanke de gastoj: reprezentanto de Unio de Amikecaj Organizoj, de Hanoja Esperanto-Asocio (HanEA), kaj de novaj Esperanto-simpatiantoj, kiuj kontribuis per belaj artismaj prezentadoj; flanke de la gastiganto, krome la bone konataj esperantistoj, menciindas komencantoj de Malferma Universitato, de Fremdlingva Universitato kaj de VSK-infanlernejo.

Kaj Nguyen Van Loi aldonis: "La plej bona maniero festi la datrevenon de la naskiĝtago de Zamenhof estas, ke ni aktive preparas nin por la venonta UK 97 okazonta en 2012 en nia lando".

Sekve, la organizantaro prezentis mallonge Vjetnaman SuperKnabo (VSK)-infanlernejon, kie 18 instruistinoj estas lernantaj Esperanton por poste alkutimigi la 2-6-aĝajn infanojn al Esperanto kaj precipe, por servi kiel volontuloj-helpantoj dum Internacia Infana Kongreseto ene de UK 97. Prezidanto

Nguyen Van Loi disdonis atestilon je A1 (elana) nivelo al la instruistinoj, kiuj sukcesis en ekzameno je la 4a de decembro. Poste estis publikigita la decido pri starigo de la VSK-E-sekcio, ene de VEA, kaj la novaj membroj ricevis membrokarton. S-ino Pham Thu Hang, direktorino de la VSK-lernejo, eldiris en Esperanto sian opinion kaj dankis VEA-n. La instruistinoj prezentis multajn kantojn en la vjetnama kaj Esperanto. Antaŭ paŭzo, grupo da Esperanto-komencantoj en tradicia kostumo prezentis dancon nomitan "Tamburetado".

La Centra Komitato de VEA anoncis ŝanĝon pri personaro: s-ano Nguyen Xuan Thu, pro sanstato, kiel antaŭe anoncita, ekde la komenco de la oficperiodo en 2008 ĉesas sian funkcion de ĝenerala sekretario kaj s-ino Nguyen Thi Phuong Mai, vicprezidanto, kumulas tiun funkcion.

La programo daŭris per novaĵo pri la emblemo de nia Asocio, kies aŭtoro estas VEA-membro Nguyen Van Thinh (alinome Hong Hac). La kopirajto estas validita de la Departemento de intelekta propraĵo.

Nguyen Xuan Thu" <autuno32@gmail.com>

## Hochiminh-Urbo

La 17-an de decembro 2010 Hochiminh-Esperanto-Asocio (HEA) solene festis la 151-an naskiĝdatrevenon de d-ro L. Zamenhof kaj la 20-an Jubileon de HEA kun riĉa programo ĉe sidejo de Unio de Amikecaj Organizoj de Hochiminh-urbo.

Ĉeestis preskaŭ 50 geesperantistoj, Esperanto-simpatiantoj de HEA kaj membroj de Esperanto-sekcio el Binh-Duong-a provinco.

S-ro Tran Quan Ngoc, prezidanto de HEA, raportis pri 20-jaraj agadoj de HEA en la Esperanto-Movado kun ĝia granda kontribuo pro internacia lingvo "Esperanto". Li ankaŭ memorigis ĉiujn partoprenantojn pri la 151-a naskiĝtago de d-ro L. Zamenhof kaj esprimis sian sperton pri utileco de Esperanto kaj li plu diris pri la decido de UEA por la 97-a UK okazonta en Hanojo-Vjetnamio 2012.

En tiu ĉi okazo la estraranoj de Unio de Amikecaj Organizoj de HCM-urbo transdonis al HEA honorstandardon kaj al s-ro Tran Quan Ngọc honorinsignon de Hochiminh-urba Komitato kaj meritatestoj al esperantistoj de HEA. Samtempe reprezentanto de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj transdonis al s-ino Le Thien Thu honormedalon "pri Paco kaj Amikeco inter la Popoloj".

En la kunvenĉambro kun agrabla kaj varma etoso plene de bukedoj da floroj ĝuis artistprogramon fare de VEJO de HCM-urbo.

Poste, ennome de HEA, s-ro Tran Quan Ngọc disdonis membrokartojn al 15 novaj geesperantistoj de HEA kaj Esperanto-sekcio de Binh-Duong-a provinco.

Fine la estraranoj de Unio de Amikecaj Organizoj de HCM-urbo festenis al ĉiuj bufedlunĉon.

Le Thien Thu, ĝenerala sekretario de HEA
<lethienthu_esper@hotmail.com>

## Seulo, Koreio

Vespere de la 11a de decembro 2010, okazis la 151a Zamenhofa Festo en la oficejo de Korea Esperanto-Asocio (KEA). En la festo partoprenis 25 homoj. Prof. SO Jinsu prelegis sub la temo la Epoko

de Azio. En la prelego li diris: “Ĝis la 20a jarcento oni rigardis stabilan politikon kaj ekonomian evoluon kiel plej gravajn aferojn, sed nun en la 21a jarcento leviĝas ankaŭ la kulturo kiel ekonomiaĵo.” Li do, kiel ekonomikisto, fondis instituton pri belarta merkato. Li ofte vojaĝas al aliaj landoj kaj kontaktas multajn fremdulojn por studi belartan merkaton per Esperanto. Li tre dankas d-ron Zamenhof, kiu inventis la intenacian lingvon por facile komunikigi mondajn homojn.

Li montris la ekonomian kaj kulturan staton de aziaj landoj per diagramoj, ĉefe de Japanio, Ĉinio, Hindio kaj Koreio, kiuj okulfrape evoluis lastatempe en diversaj flankoj. Li diris, ke la 21a jarcento estas epoko de aziaj landoj, kaj ke se oni konstruus tunelojn sub la maro inter Koreio kaj Japanio kaj inter Koreio kaj Ĉinio, oni povus veturi pertrajne de Japanio tra Seulo kaj Pyong-yang ĝis Ĉinio. Tiam la cirkonstanco de la regiono neimageble ŝanĝiĝus kaj plioftiĝus la interŝanĝoj de la popoloj en la mondo. Li finis sian prelegon per la vortoj, ke en la neŭtrala lingvo Esperanto plimultaj homoj sufiĉe ĝuu la novan epokon kaj riĉigu sian vivon.

En la dua parto de la festo oni konkursis per Esperantaj kantoj kaj ludoj de muzikiloj, kaj ĝuis bongustajn manĝaĵojn regalitajn de d-ro PARK Wha-Chong (prezidanto de KEA).

KIM Uson, Korea Esperanto-Asocio <kea@esperanto.or.kr>

## Taĝikio

Anoj de Asocio de Esperantistoj de Taĝikio (AET) kolektiĝis merkrede la 15-an de decembro en la fako de fremdlingva literaturo de la ŝtata nacia biblioteko je la nomo de A. Firdavsi.

Bedaŭrinde, pro inundo en keletaĝo de la domo, kie troviĝas oficejo de AET, la domo paneis. Tio estas la kialo, pro kio ni kolektiĝis en la malvarma kaj malkomforta biblioteko. Indas bedaŭri, ke kolektiĝis ne multe da homoj.

Prezidanto de AET Ŝukurov Firdaŭs rakontis al la ĉeestantoj pri la vivo de L. Zamenhof kaj respondis al demandoj. Poste al ĉiuj estis donacita nova lernolibro en la taĝika lingvo “Zaboni

bajnalmilalii Esperanto”, kiun aŭtoris s-ro Ŝukurov kaj kies eldono estis dediĉita al naskiĝtago de nia Majstro.

Post teumado kaj kantado, parto de la ĉeestantoj iris al la Nacia Konservatorio por aŭskulti koncerton de la klasikaj muziko kaj kantoj. La koncerto estis filantropa: la muzikistoj kaj kantistoj de la konservatorio kolektis monon por fari multekostan operacion al sia kolegino.

Saidmurod Hoĝazod (ĵurnalisto) <saidmurod70@mail.ru>

## Tel Avivo, Israelo

Israelaj Esperantistoj festis la "Zamenhof-tagon" la 20an de decembro samokaze kun la jarkunveno ELI en Tel Avivo. Partoprenis 44 samideanoj. Fotoj estas videblaj en

http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/ZamenhoFestoELI#

Okazis du prelegoj - de Joni Kis-Lev (hebrelingve) pri sia vojaĝo tra Eŭropo kaj la Esperanto-urbo Hertzberg, kaj de Josi Shemer pri "la bona lingvo". Pri la agado de ELI dum la jaro bildraportis Amri, kaj Josi prezentis la financan raporton. La arta programo gvidita de Matilda estis abunda: komuna kantado kun Oded, skeĉo de Enrika kaj Doron, danco "Ho mia Kor'" de Joni kaj pianludo de Kajo. Honor-atestojn pro servo al Esperanto ricevis Michal kaj Adam. Ĉiuj membroj ricevis la novan duoblan n-ron de "Israela Esperantisto" – freŝe de la presejo, kaj en la libroservo estis aĉetebla la tutnova duobla kompaktdisko "Kantu gefratoj kune". Nava informis pri la venonta Israela Kongreso en Cezareo (7-9.4.2011) kaj Amri pri la antaŭkongresa ekskurso tra Israelo kaj Jordanio (1-6.4). Fine okazis elektoj al la estraro de ELI sub gvido de Gian Piero Savio, kiu ankaŭ prezidis la kunvenon, kaj kantado de “La Espero”.

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

# Movadoj en Azio

## Japanio

### "Tergloba Festivalo"

La 2an-3an de oktobro 2010, Japana Esperanto-Instituto ekspoziciis en la evento "Tergloba Festivalo" en Tokio, plej granda tiuspeca evento en Japanujo, en kiu ĉiujare ekspozicias multaj NRO-oj por internacia kunlaboro inter progresintaj kaj progresantaj landoj. Ĉi-jare ĝi havis 106,000 vizitantojn. La unuafoja partopreno de JEI estis notinda ambaŭ en movada kaj teoria vidpunktoj.

Multaj neesperantistoj venis al nia Esperanta budo, ĉar partoprenantoj de la festivalo interesiĝas pri internaciaj agadoj. Ni informis ilin ankaŭ pri agadoj de lokaj Esperantaj grupoj. Post la festivalo kelkaj el ili venis al la enkonduka kurso de la grupoj. Ankaŭ notinde estis, ke por la budo planis kaj kunlaboris ĉefe junaj esperantistoj. Tio rememorigis nin pri la UK en Jokohamo (2007), kie aktivis junuloj por junularaj programeroj. Tio sugestas, ke tia evento donas ŝancon kaj por informado al neesperantistoj kaj por kunlaboro de esperantistoj.

En la festivalo s-ro KIMURA Goro Christoph gvidis kunsidon kongrue kun la kadra temo de la festivalo: "Jarmilaj evoluigaj celoj" proklamitaj de Unuiĝintaj Nacioj. En la kunsido titolita "Ni internacie kunlaboru! Sed en kiu lingvo?", li atentigis, prezentante konkretajn ekzemplojn, ke lingvaj problemoj tute ne estas flankaj aferoj en internacia kunlaboro. Li preparis kelkajn demandojn por la ĉeestantoj, kaj laŭ la respondoj montris avantaĝojn kaj malavantaĝojn kaj de la angla kaj de naciaj lingvoj de kunlaborantaj flankoj. Esperanto havas oportunajn antaŭkondiĉojn por fariĝi justa kaj efika ponto, sed realiĝo dependas de nia konkreta klopodo.

NAKAMURA Daishin, Informa Fako de Japana
Esperanto-Instituto http://www.jei.or.jp/hp/esp.htm

## Pakistano

# Fina Raporto de la 33-a Jara Kongreso de PakEsA

Mi oficiale anoncas, ke la 33-a Jara Kongreso de PakEsA (la 24an-26an de decembro 2010) sukcese finiĝis en la urbo Multan. Jen estas la konciza raporto pri nia kongreso.

1. Elektoj de PakEsA.

Ĉiuj decidis reelekti la malnovan estraron denove por venontaj du jaroj (2011-2012). Shabbir Ahmad Sial kiel prezidanto kaj Hafiz Abdul Qadoos kiel ĝenerala sekretario.

2. ElektoJ de PEJO.

Oni elektis s-ron Irfan Mehndi kiel prezidanto de PEJO kaj s-ro Muhammad Zubair kiel ĝenerala sekretario.

3. Plano por la Jaro 2011.

i. La unua estrara kunsido okazos en Lahore la 25-an de marto.
ii. La 31-a Jara Somera Kongreso de Esperanto okazos en Murree, tie okazos ankaŭ la 2-a estrara kunsido.
iii. La 22-an de septembro okazos la 3-a estrara kunsido en Multan.
iv. La 24an-25an de decembro la 34-a Jara Kongreso de PakEsA okazos en Lahore, tie okazos ankaŭ la 4-a estrara kunsido.

Muhammad Zubair, Estrarano de PakEsA
<zurnab_pk@yahoo.co.in>

## Azia parto de Rusio

# TILE-6 en Soĉi, Sonis Muziko ĉe Nigra Maro

Ree inter geamikoj! Ree ĉe maro! Ree daŭrigo de la ĉi-jara varma vetero! Kaj… ree muziko! Ĝi sonis ofte en Soĉi [azia parto de Rusio] dum vica renkontiĝo “Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto” (TILE-6), kiu okazis de la 29-a de oktobro ĝis la 4-a de novembro 2010. La aranĝon partoprenis 22 esperantistoj el diversaj lokoj (Taganrog, Kislovodsk, Armavir, Krasnodar, Ĉeljabinsk, Volgodonsk, Gelenĝik, Moskvo, Tomsk, Gorjaĉij Kljuĉ, Otradnaja, Novopavlovskij, Uljanovsk). La gastojn akceptis 8 soĉianoj, gvidataj de Vladimir Bespalov.

Ĉi-jare ni pli ol kutime okupiĝis pri Esperanto, ĉar preskaŭ ĉiu

preparis ion por la renkontiĝo. Anatolij Ivasenko (Krasnodar) alportis multajn ludojn kaj librojn. Aliaj (Tatjana Glaznica, Lilija Burgar, Gennadij Mitrofanov, Vladimir Bespalov, Aleksandr Rezniĉenko, Anatolij Ivasenko) rakontis pri kluba laboro. Galina Belenjuk ĉiam havis tempon por ni kaj montris multajn fotojn, faritajn dum internaciaj aranĝoj. Interesa estis la dua fotoekspozicio de nia klubo "Urbaj motivoj", kiun partoprenis jam 50 esperantistoj el 14 urboj. Pavel Kajsin (Moskvo) instruis origamion dum E-lingva programo "Florkarnavalo" (Uljanovsk), en la teatraĵeto "Rapeto" de uljanovska teamo "Eternaj komencantoj" la rolon de rapeto sukcese plenumis Vladimir Minin (Tomsk), ĉar ni estis nur sesope kaj bezonis ankoraŭ unu aktoron.

Estis planitaj ankaŭ multaj ekskursoj: al Krasnaja Poljana, al akvofaloj. En la antaŭlasta tago de la restado en Soĉi la esperantistoj vojaĝis al Abĥazio, kie ilin impresis multaj objektoj: Rica-lago, Novo-Afonaj kavernoj, abelejo k.t.p.

Tamen ĉi-foje mi volus rakonti pri muziko. Ĉiu E-klubano en Uljanovsk scias, ke la ŝatata okupo de uljanovskaj esperantistoj estas muziko. Ni havas multajn geamikojn en nia urbo, kiuj de tempo al tempo aperas en nia klubo. Multaj ĉeestis la bardan festivalon "Gruŝinskij" apud Samara aŭ nian lokan festivalon en Lomi. Preskaŭ duono de la klubanoj (8-10) ne preterlasis bonan okazon por viziti koncertojn de klasika muziko. Fojfoje al ni venas Aleksandr Ĥrustaljov el Dimitrovgrad aŭ ni veturas tien. Nia klubanino Tatjana Kuzjmina tradukis multajn kantojn en Esperanton, kaj ni volonte kantis ilin. Dum multaj someraj E-renkontiĝoj nia grupo estas ĉiam tie, kie kantas Nina Djomuŝkina, Mikaelo Povorin, Aleksandr Ĥrustaljov aŭ Aleksej Borodin.

Tial ni tre ĝojis vidi Aleksejon inter la ĉeestantoj. Ĉiutage kaj ĉiuvespere en la klubejo kaj la hotelo sonis liaj kantoj: novaj kaj malnovaj, kantataj sole kaj kune kun ni. Li akompanis eĉ hazarde aperintan dum la renkontiĝo trion de uljanovskanoj, kiuj kuraĝis unuafoje en tiu konsisto plenumi publike kantojn el kantareto de Tatjana Kuzjmina. Dankon, Aleksej!

Ĉiujn atendis surprizo: nin ankaŭ plezurigis vira triopo de nevidantaj esperantistoj el Kislovodsk kaj Armavir (Anatolij Masenko, Pavel Rjabov kaj Vladimir Rassoĥin). Bonaj voĉoj, akordeco, forta sonado … Al ni ŝajnis, ke sonis tute ne la trio, sed koruso!

Muziko akompanis nin ĉiam dum la renkontiĝo. Kelkaj vizitis orgenan koncerton (jam tradicie), kelkaj matene gimnastikis sub gvido de Tatjana Glaznica (Ĉeljabinsk) sur la marbordo, kaj bruo de la ondaro estis vere muziko por ili.

Kaj ĉiuj promenis vespere laŭ senhoma hellumita bordostrato, ĝuante silenton, maron, amikan rondon. Iufoje ni duonvoĉe kantis niajn ŝatatajn melodiojn. Eĉ grandega torto – surprizo de soĉianoj – estis muziko por niaj koroj je la adiaŭa horo!

Dankon TILE-6! Vivu TILE-7!

Margarita Karceva (Uljanovsk)
Vladimir Minin <mininvl@yahoo.com>

## Koreio

## Nova “Angla-Korea-Esperanta Vortaro”

Januaron, 2011, la nova vortaro estis eldonita en Koreio. Ĝi estas "Angla-Korea-Esperanta Vortaro" verkita de s-ro MA Youngtae, Akademiano de Esperanto. Ĝi enhavas ĉirkaŭ 25,000 kapvortojn en 600 paĝoj, kaj konsistas el kapvortoj de la angla lingvo, prononcoj de ili, la difinoj en la korea lingvo, kaj Esperantaj vortoj, kiuj respondas al la kapvortoj, t.e. anglalingvaj vortoj.

S-ro Ma, kiu verkis ĝis nun diversajn vortarojn (Granda Vortaro Esperanto-Korea; Korea-Esperanta Vortaro kaj aliaj), intencas disvastigi Esperanton kune kun Angla-Korea Vortaro, ĉar sennombraj homoj uzas kaj eĉ amas la anglan lingvon en Koreio kaj ankaŭ en aliaj aziaj landoj, kaj esperas, ke ĉie, kien iras la vortaro angla-korea, estos ankaŭ Esperanto.

Ma Young-Tae (Akademiano de Esperanto)
<mayoungtae@gmail.com>

# Ĉinio

## “Paroladoj de L. L. Zamenhof” Reeldoniĝis

Jam pasis 28 jaroj, post kiam okazis la unua eldono de <Paroladoj de L. L. Zamenhof> libroforme en la du lingvoj ĉina kaj Esperanto. Ĝia reeldono aperis en aŭgusto en 2010.

La libreto <Paroladoj de L. L. Zamenhof> estis ĉinigita de tradukisto Zhu Mingyi, kiu esperantistiĝis en 1963, laboris kiel profesia oficisto en Ĉina Esperanto-Ligo de 1979 ĝis 1996 kaj sinsekve okupis postenojn de oficeja direktoro, redakciano de la revuo “La Mondo” kaj vicĝenerala sekretario de la Ligo.

(El Informilo de ĈEL)

Zhu Mingyi" <zhumingyi01@yahoo.com.cn>

## Tria Lushan-forumo en Nanchang

De la 29-a ĝis la 31-a, en la lasta semajnfino de oktobro, okazis en Nanchang, ĉefurbo de Jiangxi, suda Ĉinio, la Tria Lushan-Forumo de Esperanto, kiun partoprenis 47 esperantistoj el Pekino kaj provincoj Jiangsu, Hubei, Guangdong k.s. La forumo kun temo “Komunikado trans landoj” estis gastigita kune de Esperanto-Asocioj de Jiangxi kaj Nanchang.

Cao Xionglin, prezidanto de Nanchang-a E-Asocio, prezidis la inaŭguron, en kiu faris la laborraporton de Jiangxia-a E-Asocio Gong Xiaofeng, prezidantino de Jiangxi-a E-Asocio. En la pasintaj tri jaroj Jiangxi-a kaj Nanchang-a E-Asocioj dufoje organizis Lushan-forumon de Esperanto, malfermis E-kursojn en Nanchang-a Universitato kaj okazigis E-aktivadojn por disvastigi Esperanton al la publiko. Gong Xiaofeng, profesorino de Nanchang-Universitato en tre malbona korpokondiĉo konstante gvidis E-kursojn per konversaciaj softvaroj QQ kaj YY kaj elkulturis multajn esperantistojn. Ŝiaj laboroj vekis varmajn aplaŭdojn de la ĉeestantoj. Ŝi en sia prelego konigis al la ĉeestantoj sian komprenon pri la lingvo Esperanto kaj prezentis al ili utilajn retadresojn pri Esperanto por helpi ilin en la lernado de Esperanto per interreto.

En la pasintaj du jaroj Lushan-forumo jam fariĝis tre grava

E-renkontiĝo en suda Ĉinio. Ĉi-jare venis el Hubei, 359 kilometrojn fore de Jiangxi, dek-kelkaj esperantistoj, kiuj prezentis brilajn artprezentojn en la Interkona Vespero kaj faris interesajn prelegojn en la forumo. Peng Zhengming per interesaj fotoj rakontis sian esperantan vojaĝon al Eŭropo, kaj Hu Guozhu prelegis pri sia tre ŝatata ĉina antikva poemo. Prelegis ankaŭ Liu Zijia, raportistino de El Popola Ĉinio, pri sia kompreno de la libro "Paroladoj de Zamenhof".

Ĉeestis en la forumo ankaŭ du fremdlandaj esperantistoj laborantaj en Ĉinio -- Aŭgusto, instruisto de hispana lingvo en Kantono, kaj Ivanka, redaktorino de El Popola Ĉinio el Bulgario. Ilia partopreno aldonis al la forumo internacian etoson. Aŭgusto en sia humura stilo lernigis la kongresanojn pri la hispana lingvo kaj komencantojn pri Esperanto. En ĝoja atmosfero oni lernis la lingvojn kaj ĝuis la amikecon de la renkontiĝo. Ivanka konigis al la ĉeestantoj sian landon kaj rakontis sian esperantistiĝon kaj siajn interesajn spertaĵojn pri Esperanto. Ŝi kuraĝigis la ĉeestantojn serĉi siajn Esperantajn korespondajn amikojn por praktiki la lingvon kaj starigi amikecajn rilatojn kun fremdlandaj esperantistoj.

Profitante la forumon, fondiĝis en la urbo ankaŭ la Jiangxi-a Trejna Centro de Esperanto, per kiu Jiangxi-a E-Asocio planas konstante kulturi esperantistojn. Okazis ankaŭ la prepara kunveno de Ĉina Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ĈLEI), instruista organizo sub la Ĉina Esperanto-Ligo. Se la projekto de fondiĝo de ĈLEI adoptiĝos de la konstantaj komitatoj de Ĉina Esperanto-Ligo, ĝi fondiĝos komence de la venonta jaro. ĈLEI funkcios kaj laboros por reguligi la E-lernadon, altigi lingvo-nivelon de Esperantaj instruistoj kaj organizi interŝanĝojn de Esperanto-lernigo.

## Pekina E-Asocio okazigis akademian seminarion

La 18-an de decembro 2010 la Pekina Esperanto-Asocio okazigis seminarion kun la temo "Strukturo, historio, kaj disvolviĝo de Esperanto" sub la Deka Akademia Fronta Forumo aŭspiciita de la Pekina Federacio de Rondoj de Sociaj Sciencoj kaj la Pekina

Normala Universitato. Pli ol 30 personoj, inkluzive de esperantistoj kaj studentoj interesiĝantaj pri Esperanto, partoprenis. Kvin esperantistoj prelegis pri la frua historio de Esperanto en Pekino, esperantigado de ĉinaj klasikaj literaturoj, Esperanto per novaj medioj ktp.

Diero (Zheng Bocheng) <bochengzheng@yahoo.com.cn>

## Indonezio

## Novaj Esperanto-kluboj

En antaŭaj numeroj de "Esperanto en Azio" (60, 61 kaj 62) vi povis legi, ke jam ekde la komenco de la pasinta jarcento estis esperantistoj en Indonezio. La Esperanto-agado tre viglis tie inter la du mondmilitoj kaj ree en la kvindekaj jaroj ĝis la mezo de la sesdekaj jaroj. En 2009 mi la unuan fojon instruis Esperanton en tiu grandega lando (vidu EeA 66), kiu tiam havis nur manplenon da esperantistoj, plejparte havantaj neniujn aŭ tre malmultajn kontaktojn kun la ekstera movado. Ankaŭ en septembro-oktobro 2010 mi reiris al Indonezio por instrui kaj esplori pri la movada historio tie. Ĉi tie mi volas rakonti pri la kluboj kreitaj dum tiu ĉi lasta vizito.

Pri la klubo "Esperiga suno", kreita la 3an de oktobro en Ĝakarto, jam aperis artikolo en la pasinta numero de "Esperanto en Azio". Ĝiaj membroj intertempe ankaŭ festis la Zamenhofan tagon, pri kiu aperas artikolo de la estraro mem (Vidu paĝon 11).

Rijanto Husadha, kiu eklernis Esperanton antaŭ pli ol duona jarcento, lastatempe reentuziasmiĝis kaj ekde septembro instruas ĉiun merkredon al instruistinoj, direktoro kaj aliaj kadruloj de la privata lernejo "Kesatuan" en Bogor. Mi vizitis la grupon kaj gastinstruis tie la 6an de oktobro. Tiuokaze estis starigita la Esperanto-klubo "Ĉielarka revo". Rijanto Husadha estis elektita kiel prezidanto. La direktoro de la lernejo, Jan Horas V. Purba, iĝis vicprezidanto, la lerneja respondeculo pri informadiko Ajie Bagus Kurnia iĝis kasisto, kaj unu el la instruistinoj, Asri Yuniar, sekretario. Pryo Handoko, alia estrarano, jam antaŭ jaroj sola

eklernis Esperanton kaj nun aktive tradukas “lernu.net” al la indonezia – tre grava tasko. Do, du estraranoj ne apartenas al la lernejo, kio garantias, ke la klubo funkcios por la tuta urbo, ne nur por la lernejo. La klubo jam antaŭvidis lokon por biblioteko.

Mi instruis Esperanton en ok urboj, sur tri insuloj, kaj kompreneble ne eblis en ĉiu urbo tuj krei klubon. Estus ankaŭ vane insisti pri tio ĉe komencantoj aŭ eĉ ĉe nekomencantoj, se ili ne jam sentas sin pretaj por tio. Tamen ankaŭ en aliaj urboj io okazis.

Ekzemple en Semarang, Imam Prayogo jam de kelkaj monatoj gvidas grupon da studentoj, al kiuj mi donis lecionon la 9an de oktobro. Ili nomis sian grupon “Espera arbo” sed preferas simple resti lernogrupo, kaj ne jam iĝi klubo kun estraro. Sekvatage en Yogyakarta kreiĝis – ankoraŭ sennoma – klubo, kies estraranoj estas precipe universitataj studentoj: prezidanto Rahmat Hidayat, sekretario Dahlia E.P. kaj kasistino Ade Silviana Devi. Bedaŭrinde en tiu urbo la vulkanerupcioj malhelpis kunsidon, dum kiu ili povintus decidi pri la kluba nomo.

En pluraj aliaj urboj miaj lernantoj kaj aliaj entuziasmuloj (pere de la Facebookgrupo pli kaj pli da indonezianoj komencas lerni Esperanton memstare) daŭre lernas kaj esperas starigi klubon. Mia persona espero estas, ke tiuj kluboj tiom fortiĝos, ke ili estos kapablaj krei landan asocion.

Ĉiuj kluboj povas uzi Esperanto-librojn, ekzemple Esperantajn vortarojn por anglalingvanoj, pro tio ke ankoraŭ ne ekzistas vortaroj indonezia-Esperantaj. Se vi volas donaci monon por sendi librojn, eblas sendi la monon al la konto de la Azia Fondaĵo. Se vi mem volas sendi librojn, bv. kontakti min ĉe <heidi.goes@gmail.com>, por ke mi sciigu la adresojn. Pliaj informoj troveblas en

http://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/

Heidi Goes <heidi.goes@gmail.com>

## Nekrologoj el Japanio

**S-ro Umeda Joŝimi** (1933.2.23-2010.11.29)

Li multe laboris kiel juna esperantisto por la UK en 1965 en

Tokio kaj agadis kiel ĝenerala sekretario de LKK por la 21a IJK en Oocu en la sama jaro. Poste li fariĝis estrarano (1979-1992) kaj pli poste konsilanto (1993-2010) de Japana Esperanto-Instituto, kaj vicprezidanto de UEA (1983-89).

**S-ro Kobajaŝi Tukasa** (1929-2010)

Eksa estrarano de Japana Esperanto-Instituto kaj poste konsilanto. En 1997 li estis aljuĝita kiel premiito de Ossaka-Premio pro tio, ke liaj unikaj agadoj pri verkado kaj eldonado kontribuis al la progreso de la movado. Li iniciatis la fondon de ERAJ, retlisto de esperantistoj, kaj tradukojn de "Zamenhofa Strato" de Zaleski Zamenhof kaj "Homarano" de Aleksander Korĵenkov.

# === Esperanto-eventoj===

## Azio

### 2011

2.26 ~ 3.8 / La 9a Internacia Himalaja Renkontiĝo / Katmando, Nepalo
3.25 ~ 29 / La 4a Mezorienta Kunveno / Karaĝo, Irano
5.28 ~ 29 / La 85a Kjuuŝuu-Esperanto-Kongreso / Fukuoka, Japanio
6. 11 ~ 12 / La 60a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Saitama, Japanio
6.18 ~ 19 / La 59a Kansaja Esperanto-Kongreso / Koobe, Japanio
8.12 ~ 15 / ILEI-seminario inter Ĉinio, Japanio kaj Koreio / Tianjin, Ĉinio
10.7 ~ 9 / Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Seongnam proksime de Seulo, Koreio
*Samloke kaj samperiode okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.
12.? ~ ? / La 30-a Komuna Seminario / Koreio.

### 2012

Somere / La 97a Universala Esperanto-Kongreso / Hanojo, Vjetnamio
Somere / La 68-a Internacia Junulara Kongreso / Naha, ĉefurbo de la gubernio Okinava (suda insularo), Japanio
Somere / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio / Changchun, Ĉinio
Oktobre / La 99a Japana Esperanto-Kongreso / Hokajdo, Japanio
Oktobre / La 44a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio

**Aranĝoj en la Mondo**
2011.1. 29 ~ 31 / Nov-Zelanda Nacia Kongreso / Wellington
2011.7.9 ~ 17 / Aŭstralia Esperanto-Kongreso / Adelaide
2011.7.17 - 23 / Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj / Kopenhago,
2011.7. 23 ~ 30 / La 96a UK / Kopenhago, Danlando

# KAEM-anoj

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**
Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-2